2.ª Ep. AÑO XII N.º 65 (201) ENERO - FEBRERO 1974




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# VALLADOLID
# KONGRESURBO POR 1974

La nova urbo, Placo de España

BOLETIN DE LA FEDERACION
ESPAÑOLA DE ESPERANTO

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Federación Española de Esperanto
(Hispana Esperanto-Federacio)
Oficina Central:
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15
Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16
Sekretario:
S-ro Manuel Figuerola Palomo
Str. Arturo Soria, 192, 3.º-D
MADRID-17
Kasisto:
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2
MADRID-20
Ĉekkonto: N.º 8362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6
Libroservo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15
Informa-servo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15
Eldona Fako:
F-ino Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
Ĉekkonto: N.º 17917, Bc. Bilbao
Coso, 31 ZARAGOZA
Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.



## de Secretaría

### DONANTES DEL FONDO DE ADQUISICION LOCAL EN PROPIEDAD (F. A. L. P.)

| | pesetas |
|---|---|
| Saldo anterior ... ... ... ... | 201.500 |
| Víctor Ortiz y Urbano Gómez | 500 |
| Gpo. Esperantista de Sabadell | 1.000 |
| Un samideano valenciano . ... | 500 |
| Gpo. Esperantista de Alicante | 3.000 |
| Víctor Ortiz ... ... ... ... ... ... | 1.000 |
| Carmen Abella ... ... ... ... ... | 500 |
| Cecilio Olalla ... ... ... ... ... ... | 500 |
| Familia Aragay ... ... ... ... ... | 500 |
| Gerardo Flores ... ... ... ... ... | 5.000 |
| Total ... ... ... ... ... ... ... ... | 214.000 |

Madrid, 29 de septiembre de 1973
GERARDO FLORES
Tesorero de H. E. F.

### DEZIRAS KORESPONDI

HISPANUJO. Madrid-2 str. Atalaya 16 (Colonia de la Prosperidad), Josefina Martín Hervás 16-jaraĝa deziras korespondi kun eksterlandaj samidean(in)oj.

HISPANUJO. Madrid-2, str. Atalaya 106 (Colonia de la Prosperidad), Elisa Benavente 14-jaraĝa deziras korespondi kun eksterlandaj samidean(in)oj.

HISPANUJO. Madrid-16, str. Alhelies 19, M.ª Pilar Arauz deziras korespondi kun eksterlandaj gesamidean(in)oj.

HISPANUJO. Madrid-33, str. Arzua B.º Orisa - Bloque 9, Portal 4, 4.ºizqda.., Severino Salinas Hita, 16-jaraĝa deziras korespondi kun eksterlandaj gesamidean(in)oj.

JAPANUJO. 5 Toyo-cho 10-chome, Naka-ku, Nagoya, 460 Japan, S-ro Shigenori Takeuchi deziras havi leteramik(in)on en Madrid.

NORVEGUJO. N-3200-Sandefjord, Storgt. 17, S-ro Kjell Frank Pedersen deziras korespondi kun hispanaj esperantist(in)oj.

BULGARUJO. Veliko Tarnovo, Ivan Panov 44, S-ro Ilija N. Vladov deziras korespondi kun esperantist(in)oj el la tuta mondo, ĉefe el Afriko.

### DONATIVOS PARA BOLETIN-1974

| | pesetas |
|---|---|
| Antonio Ribeiro da Cruz (Portugal) ... ... | 50 |
| 1 × 2 (Zaragoza) ... ... ... ... ... ... ... ... | 1.000 |
| Juan Sala Campamá (Sabadell) ... ... ... ... | 100 |
| Francisco Pérez Callejón (Suiza) ... ... ... | 50 |
| Total ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 1.200 |

# ANTAŬ LA XXXIVª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

*Iom pri la Kongresurbo,*
LA UNIVERSITATO



Fasado de la Universitato.

Unu el la ĉefaj elementoj de la antikva ĉefurbo de Hispanujo estas ĝia Universitato, kiu donas al Valladolid specialan karakteron de kulturo kaj gaja juneco.

En la jaro 1346, Lia Papa Moŝto Klemento la VIª koncesiis privilegiojn al la Universitato de Valladolid laŭ peto de la Reĝo de Kastilio, Alfonso la XIª.

Kiam en 1527, oni konstruis la nuntempan Katedralon, la Admiralo de Kastilio donacis domojn kun kapeleto dediĉita al Sankta Nikolao, kiujn li posedis en strato Librería (Librejo). Tie, oni konstruis la klostron de la Universitato.

La ĉefa fasado estas baroka, en ĝi elstaras dek kvar graciaj statuoj; kvar el ili reprezentas la kastiliajn reĝojn, Alfonso la VIIIª, Alfonso la XIª, Johano la Iª, kaj Henriko la IIIª, protektantojn de la Universitatoj; la ceteraj statuoj simbolas la Teologion, la Filozofion, la Juron, ktp., kaj la reĝaj kaj papaj blazonoj. La aŭtoroj de tiu ĉi fasado estis la fratoj Tomé, disĉiploj de Churriguera, kiuj konstruis ĝin dum la jaro 1715.

Sur la pordo, kiu situas en strato Librería estas la blazonoj de Kastilio kaj León kaj tiu de la Imperio, kune kun la blazonoj de la Papo Klemento la VIª, kiu deklaris ĝin Pontifika Universitato.

En la unua etaĝo de la Universitato funkcias la Fakultato pri Juro kaj en la dua, la Fakultato pri Filozofio kaj Beletro. La Fakultatoj pri Sciencoj, kiuj antaŭtempe ekzistis en la sama konstruaĵo, pro la konstanta pliiĝo da gestudentoj, translokiĝis al pli modernaj kaj komfortaj ejoj.

En la Universitato funkcias la Rektorejo, Sekretariejo, la Biblioteko, kiu estas ja grava, ktp. Ankaŭ ekzistis en interna korto bela Botanika ĝardeno konstruita en la jaro 1849, kiam estis Rektoro de la Universitato, Prof. Dro. Moyano kaj Samaniego, sed kaŭze de la nuntempaj bezonoj ĝi malaperis.

Kun la fondo de la Preĝejo Sankta María la Antikva, de la glora Grafo Ansŭrez koincidas la fondiĝo de la Privata Studo por instruado de la klerikaro. Don Salto, unua Abato de la "Colegiata" aranĝis la Studon kaj kreis la studadon de Juro kaj Medicino.

Alfonso la VIIIª, Ferdinando la IIIª, Sancho la IVª kaj aliaj reĝoj ampleksigis ĝin, ni ne devas forgesi, ke Ferdinando la IIIª, la Sankta, translokigis la Universitaton de Palencia —unua kreita en Hispanujo— al Valladolid.

Tre proksime de la Universitato staras la Altkolegio Sankta Kruco, kiu nuntempe enhavas studentan restadejon, bibliotekon, arkivon kaj oficejojn, kiuj dependas de la Universitato. Ĝi estis fondita en 1479, de Kardinalo Mendoza, kiu venis al la reĝa kortego de Johano la IIª, kaj kiu prezentis al la reĝino Elizabeta la Iª de Kastilio la kleran Kardinalon Cisneros.

La fasado de tiu konstruaĵo apartenas al la lasta epoko de la gotika stilo, sed ĝi estis finita dum la jaro 1491, de la fama arkitekto Lorenzo Vázquez, en renesanca stilo.

La Universitata distrikto kies centra sideo estas Valladolid, konsistas el la provincoj, Alava, Burgos, Guipúzcoa, Palencia kaj Valladolid; en ĝi oni povas studi jenajn objektojn: Juro, Filozofio kaj Beletro, Medicino, Kemio, Fiziko kaj aliajn teknikajn studojn.

Organizitaj de la Universitato en kunlaboro kun la Deputitaro de Alava, dum somero, okazas en Vitoria, kursoj pri Internacia Juro sub la gvidado de Prof. Dro. Herrero Rubio.

Subvenciita de la Universitato ekzistas Universitata Muzika Asocio, por ke la studentoj, kontraŭ pago de ne alta kotizo povu aŭskulti muzikajn verkojn de la plej famaj internaciaj komponistoj ludatajn de landaj kaj eksterlandaj orkestroj kaj muzikistoj internacie famaj.

LUIS HERNÁNDEZ
Valladolid

---

## FUNDACION «ESPERANTO»

### CONCURSO

De acuerdo con las reglas generales establecidas para el Concurso Literario convocado por la Fundación ESPERANTO, y con el artículo 5.º de los Estatutos de la Fundación, el Patronato de la misma, nombró para formar el Jurado calificador, a los siguientes señores: don Luigi Minnaja, de Roma (Italia); don Juan Devís Calpe, de Valencia; don Pedro Nuez Pérez, de Barcelona, y don Fernando de Diego y de la Rosa, de Zaragoza.

Reunidos los miembros del Patronato de la Fundación, don Miguel Sancho Izquierdo; don Víctor Ortiz, y la Secretaria, doña Inés Gastón, esta última dio lectura a los informes recibidos de los miembros del Jurado; informes en los que se califican los seis trabajos recibidos, aun cuando sólo uno de ellos reúne las condiciones establecidas en la convocatoria del concurso.

A la vista de los informes emitidos, y ante el deseo del Patronato de la Fundación ESPERANTO, de que se otorguen los dos premios, se hace el cómputo de puntos, quedando en primer lugar el trabajo firmado por BALZAC LA XXª, que recibirá el Premio "Fundación Esperanto", y en segundo lugar el trabajo firmado por JUDIT '68, al que se otorga el Premio "Sancho-Rebullida".

A continuación se procedió a la apertura de los sobres de los trabajos premiados, resultando ser autores de dichos trabajos los señores: BALZAC LA XXª, don Gabriel Mora i Arana, de Manresa (Barcelona). HEF-ano n.º 918. JUDIT '68,don Vilmos Benczik, de Budapest (Hungría). Abonado a BOLETIN.

Zaragoza, a 15 de diciembre de 1973
Firmado: INÉS GASTÓN
Secretaria del Patronato de la
Fundación ESPERANTO y del Concurso

---

Seis nuevos donativos abren este año la relación: Pedro Nuez, de Barcelona, 1.000 ptas; Félix Lázaro, de Zaragoza, 150 ptas.; Ernesto Martínez, de Cheste, 180 ptas.; Miguel Sender, de Barcelona, 5.000 ptas.; José Borrell, de Barcelona, 1.000 ptas.; Eleuterio Moreno, de Málaga, 1.000 ptas. Total: 8.330 ptas.

## PREMIO «FRANCISCO MAÑEZ»

### KONKURSO

Studinte la ricevitajn informojn, kaj antaŭ la deziro aljuĝi la premion siatempe starigitan oni decidis aljuĝi ĝin al S-ro Sándor Tornyai, aŭtoro de la artikolo titolita "Metodoj por la plej afika disvastigo de Esperanto", subskribita de KOMENCANTO.

Zaragoza la 15-an de decembro de 1973
EMILIO GASTÓN
Sekretario

# CONMEMORACION DEL 25 ANIVERSARIO DE LA DECLARACION UNIVERSAL DE LOS DERECHOS DEL HOMBRE



Con motivo de la conmemoración del 25 aniversario en que fuera aprobada por la Asamblea General de las Naciones Unidas, la Declaración Universal de los Derechos del Hombre, el doctor don Miguel Sancho Izquierdo, en su doble calidad de director de la Real Sociedad Económica Aragonesa de Amigos del País, y de presidente de la Sociedad Esperantista "Frateco", pronunció una interesante conferencia, en la que hizo un verdadero estudio de dicha Declaración Universal de los Derechos del Hombre.

El acto, que fue público, tuvo lugar en el amplio Salón de Actos de la Sociedad Económica Aragonesa de Amigos del País, llenos sus dos pisos.

El Dr. Sancho Izquierdo empezó su conferencia explicando a modo de prólogo la creación de estas Sociedades de Amigos del País, que nacieron en vísperas de que aparecieran las primeras Declaraciones de Derechos del Hombre: las norteamericanas, a partir de la del Estado de Virginia de 1776, y la francesa de 1789, por lo que no podía sorprender, que fuera él, como Director de esta Sociedad, quien conmemorara este aniversario, a lo que se unía en su deseo de pronunciar unas palabras, el hecho de haber regido durante 45 años la cátedra de Derecho Natural en esta Universidad y en la de Navarra, pues que tales derechos tienen que buscar su apoyo, como en ella tienen su origen, en la naturaleza humana.

Negado el Derecho Natural —dice el Dr. Sancho Izquierdo— y fiado tan solo el reconocimiento de tales derechos en la voluntad de unas partes contratantes en el puro terreno del Derecho positivo, correrá ese reconocimiento el peligro de que dure —y de ello hay ejemplos en la Historia contemporánea— lo que tarde la parte interesada en violarlos, en tener fuerza y ocasión.

Como final de esta presentación, el Dr. Sancho Izquierdo dijo: Traigo aquí otra representación: la de la Sociedad esperantista "Frateco" que presido y que ya en años anteriores conmemoró, como otras sociedades esperantistas esta fecha, ya que el Dr. Zamenhof al crear esta lengua auxiliar internacional —y así lo declaró en alguna ocasión— no pensó en crear un mero instrumento para fines comerciales o de cualquier otro intercambio internacional, sino de facilitar a través de él que los hombres pudieran más fácilmente entenderse y entendiéndose se comprendieran y comprendiéndose se amaran; que fuera una realidad esa

frase del primer punto del Proemio de esta Declaración, acerca de la "familia humana", que llegaran a formar los pueblos —como dice nuestro Himno— "unu grandan rondon familian".

Seguidamente el Dr. Sancho Izquierdo pasó a presentar el estudio de los tales derechos.

Comenzó por decir que el enunciado "Derechos del Hombre" debe entenderse aquí como "Derechos fundamentales del hombre" ya que "Derechos del hombre" lo son todos. Explicó que solo el hombre puede ser sujeto del derecho, por ser la persona humana el solo sujeto posible de derechos, ya que lo es el hombre porque solo el hombre —cada hombre— además de "individuo" dentro de su especie, por su naturaleza racional es "persona".

En la persona humana, pues —continúa diciendo—, está la raíz y fundamento de todos los derechos; solo que hay algunos que derivan directamente de ella y consiguientemente, siendo todos los hombres iguales por naturaleza, todos tienen los mismos derechos, sin que a la sociedad civil le corresponda otro papel que el de garantizarlos, en tanto hay otros que derivados de un modo mediato de dicha naturaleza son susceptibles, en tanto no la contraríen, de acomodamiento por medio de una legislación positiva a las circunstancias de lugar y tiempo.

Siguió aludiendo a la obra de Leclercq, quien al hablar de los primeros de estos derechos en el tomo IV de sus "Leçons de droit naturel" después de haber hablado del hombre y de la sociedad, dice: "Por derechos y deberes individuales entiendo esos derechos y deberes del hombre cuyo ejercicio no supone por sí mismo ningún orden social. Se puede tratar del derecho y del deber de vivir, del deber de respetar la vida ajena sin necesidad de recurrir a la noción de sociedad".

A esas dos clases de derechos —dice el conferenciante— parece referirse también la Declaración francesa de 1789 al decir "Derechos del Hombre y del Ciudadano", esto es, derechos que tiene el hombre tan solo en cuanto tal y derechos que tiene considerado en su condición de ciudadano, es decir, miembro de una comunidad política.

En otras Declaraciones, incluida la que hoy comentamos —continúa—, no se subraya la distinción al ser unos y otros reconocidos y declarados como tales en el ámbito de un Estado o en el caso presente, de una organización internacional.

Tras estas consideraciones, pasó a la sistematización y estudio de estos que se ha dicho Derechos fundamentales del hombre haciendo especial hincapié en aquellos que directamente derivan de su condición de persona.

Enunció los artículos 1.º y 6.º de la Declaración Universal que nos ocupa, haciendo un detallado estudio que empezó diciendo: Yo diría arrancando de más lejos que el primer derecho que el hombre tiene es a *ser*, aún no siendo todavía si no es en la mente de Dios...

Del derecho a *ser* derivan lógica e inmediatamente el derecho a *conservarse* que no es solamente a conservar la vida, sino siendo el hombre compuesto substancial de cuerpo y alma, derecho también a mantener su integridad física y moral, y luego derecho a *obrar*, el cual se despliega en una doble serie de derechos que exigen, los unos, la abstención por parte de los demás de no inferir la *libertad* inherente al acto humano, y los otros, la *cooperación* individual y social.

Después de enunciar también el artículo 3.º que dice: "Todo hombre tiene derecho a la vida, a la libertad y a la seguridad de su persona", continua su estudio acerca de los distintos puntos que estos derechos señalan, ya que de estos derechos se derivan otros varios como son el derecho de propiedad, el de trabajo, etc., respecto al derecho a la vida. A continuación, pasó a abordar el derecho a la libertad en sus múltiples aspectos. En la raíz —continúa el Dr. Sancho Izquierdo— está la libertad interna, psicológica y moral, intrínsecamente unida al hombre que sin ella dejaría de serlo y que luego se manifiesta en distintas formas de libertad externa.

Comenzando por lo más íntimo citó el artículo 18 de esta Declaración Universal que fue comentando frase por frase.

Respecto al artículo 19 que citó a continuación, el Profesor Sancho Izquierdo dijo: Por lo delicado del comentario a esta declaración prefiero copiar lo que el citado Johannes Messner dice en su obra traducida y editada por Rialp a propósito de este derecho que figura con el número 12 en la formulación de estos derechos del hombre según los principios del Derecho natural.

"*El derecho a la libre expresión* en la palabra hablada o escrita y en especial en la prensa, la ciencia, la literatura y el arte. Solo por exigencias del bien común está autorizado el poder público a limitar este derecho. El derecho en cuestión encuentra su fundamento tanto en el bien particular como en el bien común. En el bien particular porque el espíritu del hombre, por su naturaleza, requiere para su desarrollo el participar activa o pasivamente en la cultura espiritual. Y en el bien común porque la dirección de los asuntos públicos, el enriquecimiento de la vida cultural y el progreso económico dependen del libre intercambio de opiniones."

Tras la libertad de pensar y manifestar su pensamiento —sigue diciendo el conferenciante— la libertad de movimientos más allá de las fronteras de los Estados, ya que si partimos de la idea de la familia humana, no cabe circunscribir para los propios súbditos una porción de la tierra dada en principio en común a los hombres, ni impedir a esos súbditos que marchen a otra. Pero sí cabe regular los movimientos migratorios (lo mismo la emigración que la inmigración) siempre que su regulación no venga a anular el derecho.

Dice así el artículo 13: "a) Todo individuo tiene derecho a la libertad de movimientos y de residencia dentro de los límites de cada Estado. b) Todo individuo tiene el derecho de abandonar cualquier país, incluso el propio, y de volver al mismo".

Derecho éste, el establecido en la segunda parte del artículo, que hemos visto recientemente negado, con ocasión de un Congreso Universal de Esperanto, y no por uno de los países tildados de burgueses o autoritarios, sino por uno de los "soi dissant" demócratas.

En la enumeración y estudio de los distintos artículos, al llegar al número 16, recordó el revuelo suscitado, cuando era cosa corriente y admitida el que una mujer mayor de edad saliera "manifestada", como se decía entonces, de casa de sus padres para contraer un matrimonio al que ellos se oponían, al intentar una señorita de Bilbao en análogas condiciones entrar en religión; caso desorbitado que se llevó al teatro a través de una obra de Pérez Galdós, "Electra", que convertía al coliseo en mitín.

Aprovechamos la cita de este artículo —continuó diciendo— para elogiar la declaración de principios que, de pasada, se hace al decir en su apartado c) "La Familia es el núcleo unitario y fundamental de la sociedad y tiene derecho a ser amparada por la sociedad y por el Estado".

Al término del estudio hecho de esta Declaración Universal el Dr. Sancho Izquierdo dijo para concluir: Os hemos ofrecido unas consideraciones que fueran divulgación, pero a la vez, contribución por mi parte y por parte de las Sociedades que presido, de esta Declaración de los Derechos que el hombre tiene como tal, fundados en su naturaleza, proclamados por primera vez en la Historia después del Cristianismo al que un autor llamara *Magna charta libertatum*, con carácter universal.

Honradamente creemos que es de resaltar el que un número grande de países representados en las Naciones Unidas votaran esta Declaración que incluso obligó a algún país nórdico, para ratificarla, a modificar su constitución anticatólica o, mejor dicho, antijesuítica y que muestra un decidido propósito a caminar por las sendas de la justicia.

No se alegue en su contra las frecuentes violaciones de estos derechos ya que, aparte la falta de una fuerza coactiva, como al principio se dijo que los respalde, la propia libertad connatural al hombre puede ser arma de dos filos, pues nuestro espíritu vive en cuerpo de barro y hasta lo que hay en él de más noble como es el corazón está sometido a tirones que sobre él ejercen las pasiones quitando lucidez al espíritu.

Por lo demás, si ya en el Derecho romano se dijo: *Voluntas, etiam coacta voluntas est*, bien podemos decir nosotros aquí: "Estos Derechos, aunque violados, Derechos son".

Una prolongada salva de aplausos puso punto final a la conferencia del Dr. Sancho Izquierdo y a la conmemoración que con ella se hizo del 25 aniversario de la Declaración Universal de Derechos del Hombre que la Asamblea General de las Naciones Unidas aprobara en su Sesión III celebrada en París el día 10 de diciembre de 1948.

## TERESA CLARAMUNT LLOVERAS

Post longa malsano, la 10-an de novembro, sankte forpasis en Calella de la Costa, Sino. Teresa Claramunt Lloveras, patrino de nia bona amiko kaj elstara esperantisto, Pastro José M.ª Claramunt Claramunt Sch. P.

Kun profunda bedaŭro ni informas pri tiu doloriga perdo. Virta persono, Sino. Teresa Claramunt dediĉis sian vivon al la bonfarado, pro kio ŝi estis ege amata de ĉiuj, kiuj ŝin konis.

Por ŝiaj filoj, speciale por nia samideano Pastro José M.ª Claramunt, nian plej sinceran kondolencon.

ŜI PACE RIPOZU!

## JOE LENCER

La 31-an de oktobro, forpasis en Daytona Beach (Usono), nia samideano, Sro. Joe Lencer en la 82-a jaro de sia vivo.

Esperantisto de antaŭ sesdek jaroj, li multe aktivis en la movado. Dum siaj vizitoj al nia lando li lasis en ĝi multnombrajn geamikojn, kiuj tutcerte kun bedaŭro legos ĉi tiun informon.

Al lia edzino, Daphe, ni deziras la bezonatan rezignacion pro la neevitebla perdo.

PACAN RIPOZON AL LI!

## CESAREO BOLOIX SARTO

La 24-an de januaro subite forpasis en Zaragoza, Sro. Cesáreo Boloix, patro de nia aktiva samideano Carlos Boloix.

Kvankam nia forpasinto ne parolis Esperanton, li sin montris vera esperantisto, kiu ĉiam apogis nian movadon.

Ni dediĉu al li penson de amo por juste lin reciproki je al alveno en la Finon de la virta irado.

La funebra ceremonio, kiun partoprenis la loka esperantistaro, estis atesto de la respekto kaj simpatio, kiun ĝuis Sro. Boloix.

Por la edzino kaj gefiloj nian plej sinceran kondolencon.

PACAN RIPOZON AL LI!

## Dro. ERNESTO TUDELA FLORES

**la 29-an de januaro 1974**

**Kun profunda bedaŭro mi informas pri la forpaso de nia elstara kaj kara samideano. Li estis unu el plej eminentaj hispanaj esperantistoj de la lastaj jaroj.**

**Al ties familio kaj al la Esperanto-Grupo de Valencia mi sendas la esprimon de nia plej sincera kaj kora kondolenco.**

**Pacan ripozon al li!!!**

## NOTA DE LA PRESIDENCIA

Se ruega a todos los Profesores, miembros de la Federación, ya sean de Enseñanza Media o Superior, que impartan éstas en centros privados u oficiales, o que se hallen en situación de excedentes o jubilados, envíen a la Secretaría Central de la Federación, calle Rodríguez San Pedro, 13, 3.º, P 7, sus datos: A saber, nombre, edad y su situación conforme a lo que se indica en esta nota.

Su finalidad es constituir una pequeña Estadística de Profesores Esperantistas para ulteriores gestiones en el Ministerio de Educación, y para constituir en su día una sección de Profesores Esperantistas en el seno de la Federación, si se considera oportuno.

*EL PRESIDENTE*

# ANTAŬ LA 26ª INTERNACIA FERVOJISTA KONGRESO DE ESPERANTO



*Iom pri Tarragona-provinco*

LA "ORA MARBORDO"

Prave oni nomas la marbordon de la provinco Tarragona, "Costa dorada" (Ora marbordo). Ĝia lume hela atmosfero estas impresa, sendube la "mestral", NO-a vento donas al la aero sian helecan influon, kaj sub ĝi, la ĉiela kaj mara bluo kaj la pluraj koloraj nuancoj de la tero, la arboj, la sablo..., atingas nepriskribeblan belecon. De Cunit ĝis Casas de Alcanar, estas sinsekvo da plaĝoj kun subtila sablo, impresaj klifoj, pinaroj kaj trankvilaj rodoj sur kiuj la suno ĉiutage brilas dum la tuta jaro. Se al tio ni aldonas la belecon de la varia pejzaĝo ne estas mirige ke ĝi estas la plej ŝatata loko, ne nur de la internacia turismo, sed de ĉiuj, kiuj deziras trankvile ripozi de la ĉiutaga laboro, dum la feriaj periodoj. Pro tio, apud ĉiu plaĝo troviĝas modernaj kvartaloj, kaj interne, sur la deklivoj, apud la antikvaj "masias" (kampodomoj) situas modernaj, elegantaj vilaoj.

En la ĉefurbo mem, sub la belega belvedero, kiun konsistigas la nomata "Balcón del Mediterráneo", troviĝas la plaĝo "Milagro", kun plej modernaj instalaĵoj, kaj tre proksime, la plaĝoj "Rabassada", "Sabinosa" kaj cetere. La "Ciudad Residencial de Educación y Descanso" kaj la modernaj kvartaloj, kiuj ĝin ĉirkaŭas, mildigas la pejzaĝon, kiu inter golfetoj kaj altaĵoj etendiĝas ĝis la kastelo de Tamarit, apartenanta al la mezepoko; ĝi leviĝas ĉe la enfluejo de la rivero Gayá.

Unu el la plej belaj lokoj, kaj eble la plej grava turisma komplekso, de la mediteranea bordo, estas Salou. Pinaroj ĉirkaŭas plej parte ĝian centran plaĝon, 3 Km longan, ĝi etendiĝas ĝis la belega marbordo de la kabo de Salou, kiu emerĝas meze de la ebenaĵo.

Krom la grandaj modernaj konstruaĵoj, kiuj konsistigas la vilaĝon, belegaj vilaoj elstaras inter la pinoj sur la bordo de la krutaĵoj.

Je la fino de la provinco direkte al Castellón troviĝas la Delto de la rivero Ebro, vasta ebenaĵo de pli ol 500 km-2, kiu etendiĝas sur la maro; ĝi estas tero uzata por rizplantejoj; en ĝiaj lagunoj abundas diversaj specoj da fiŝoj.

Ĉi tiu parto de la provinco estas, eble, la plej riĉa, la plej fekunda, ne nur de la provinco, sed de Katalunujo.

En la suda parto de la Delto de l' Ebro, ĉe la enirejo de la natura haveno de la Alfaques, situas San Carlos de la Rápita, fondita de la Reĝo Karolo la IIIª, kiu deziris aliigi ĝin en gravan komercan havenon, memorante la gravecon, kiun havis en la mezepoko la Alfaques. Nuntempe, ĝi estas la plej bela urbo de la Delto. La urbo, kiu etendiĝas je la ombro de l' Montsiá, senĉese plivastiĝas tra ambaŭ flankoj, nur la maro kies ondoj mortas antaŭ la domoj, haltigas ĝin.

*Inés Gastón*

# VOJAĜO INTERNE DE MIA BIBLIOTEKO

Kiel jam montris Xavier de Maistre kaj tradukis San Meyer (libro elĉerpita), oni povas vojaĝi sen eliri el unu ĉambro.

Hodiaŭ tio ĉi estas ankoraŭ pli rekomendinda, por eviti la kreskantajn danĝerojn de la saturitaj vojoj.

Do, mi vojaĝos (kaj invitas vin akompani min) tra Esperantujo sen ia penado, sen ia elspezo, sidanta en komforta apogseĝo.

* * *

Kiom da Esperantistoj ekzistas en la mondo? "Dudek milionoj!", mi televidaŭdas kaj preskaŭ svenas.

Poste, mi meditas. La Esperantistoj estas multenombraj, efektive. Ĉar... mi konas, ekzemple, junan Esperantistinon, Internacian Kongresaninon, kiu nur konas unu vorton "esperantan": jüs.

—Ĉu vi ankaŭ, fraŭlino, estas kongresanino?

—Jüs! (jes)

—Kiam vi alvenis ĉi tien?

—Jüs! (ĵus)

—Ĉu vi konas la faman delegiton, sinjoron...

—Jüs! (Yus)

—Pardonu, ĉarma fraŭlino. Oni min alvokas. Baldaŭ ni nin revidos. Adiaŭ!

—Jüs! (ĝis).

Sed ankaŭ la bone konataj Esperantistoj trograndigas sian nombron. Rigardu:

1. ADAM
2. AMIKO
3. ANNA R.
4. BEIN
5. BELMONT
6. BLUMENTAL
7. DOKTORO ESPERANTO
8. FEZ
9. FLOURENS
10. KABE
11. KOFMAN
12. LANTI
13. MALFELIĈULO
14. NAUMANN (A.)
15. ROBINSON
16. ROKSANO
17. STURMER
18. SÜ
19. ŜIRJAEV
20. TARKONY
21. TOTSCHE
22. UNUEL
23. ZAMENHOF
24. F. ZAMENHOF
25. ZEE

Dudek kvin, ĉu ne?
Ne, nur dek unu. Ekvidu:
1 = 12
2 = 11
3 = 7 = 14 = 22 = 23
4 = 10
5 = 6
8 = 24
9 = 16
13 = 19
15 = 17
18 = 25
20 = 21. Kaj, fine.

Kaj ĉio tio ĉi ne estas strangaĵo. La numeraloj esperantaj estas tiel simplaj...

Kvin amikoj diskutas en granda ĝardeno:

—Tiu ĉi ĝardeno enhavas sescentsesdeksesjarajn arbojn!

—Ne, ĝi enhavas ses centsesdeksesjarajn arbojn!

—Ne, ne: sescent sesdeksesjarajn arbojn!

—Ne, ne, ne!: sescentsesdek sesjarajn arbojn!

Kompreneble? Kompreneble!

José Olavide

# TUTMONDA LIRIKO

*JOSE MARIA DE HEREDIA. Franca poeto, naskiĝis en Santiago de Cuba, en 1842, kaj mortis en Parizo en 1905. Filo de hispano-kubano kaj francino, li ĉiam verkis en la franca. Lia sola libro,* La trofeoj, *konsistas el 120 sonetoj, veraj juveloj poeziaj. Unu el ili ni aperigas ĉi-sube, en superba traduko de la eminenta erudito kaj poeto, prezidanto de la Akademio de Esperanto, s-ro Gaston Waringhien.*

## LA SEPULTO DE LA KONKERINTO

"La hispanoj, vestinte per lia armaĵo sian mortintan kapitanon, lin dronigis funde de Misisipo, kiun ili ĵus malkovris."

Volbaj katalpoj, indaj pompon de reĝ' eskorti,
kaj nigraj tuliparboj kun blanka flor-abundo
ne vidas lin ripozi en la fatala grundo:
Florido konkerita ne volis lin plu porti.

Ne decas simpla tombo, se tiel noble morti.
Tego de l'Konkerinto de la Indioj, nun do
la tuta Meŝasebo lin kovras de inundo.
La ruĝhaŭtul' kaj urso ne povos ĝin perforti.

Li dormas en profundo de l'akvoj virgaj. Kio
gravas, ĉu monumento funebra, kandelpio,
psalmo, ĉu la ardanta kapel', ĉu la eksvoto?

Ne, ĉar la vent' el nordo inter la cipresaroj
ploras kaj preĝojn kantas senfine tra la jaroj
sur la river', sepulto de Hernando de Soto.

El la franca: GASTON WARINGHIEN

# HISPANA LIRIKO

*JUAN RAMON JIMENEZ. Unu el la pintuloj de la hispana liriko ĉiutempa; Nobel-premiito literatura; naskiĝis en Moguer (Huelva) en 1881, mortis en Ameriko en 1958; plej influis en la nunaj generacioj de poetoj. En ĉiuj antologioj de la hispana poezio sidas lia fama soneto.*

## OKTOBRO

Mi kuŝis sur la tero kastilia
ebeno de senfina horizonto,
kaj ĝin aŭtuno volvis en la blondo
tenera de krepusko helradia.

Plugilo malrapida, sendevia,
la sulkojn faris per la soka fronto,
kaj simpla mano ŝutis kun volonto
la semojn al la kampo multestria.

Plenan de sento alta kaj profunda
la koron mian pensis mi elŝiri
kaj ĵeti al la sin' de sulko tera,

por vidi ĉu, el tia sem' engrunda,
jam en printempo povus sin eltiri
la arbo de l'eterna amo vera.

El la hispana: FERNANDO DE DIEGO



*MADRID*

## OMAĜE AL DRO. ZAMENHOF

Dum la semajno 10-16 de decembro oni kunvenis diversfoje por festi la CXIV-an datrevenon de la naskiĝo de Dro. Zamenhof.

En la Centra Oficejo de Hispana Esperanto-Federacio, kaj organizitaj de la Estraro de H.E.F., okazis du prelegoj. La 11-an de decembro, je la 8-a vespere, nia norvega samideano, Dro. Otto Prytz, profesoro en la Universitato de Oslo prelegis en Esperanto pri la temo, "Esperantista Movado en Norvegujo. Ĝia evoluo"; la dua prelego okazis la 14-an, je la sama horo, prelegis S-ro Darío Rodríguez L. de Silva en hispana lingvo pri la temo, "El caos lingüístico, rémora para el progreso".

Prezentis ambaŭ prelegantojn, kiuj estis longe aplaŭditaj, la Prezidanto de H.E.F. Je la fino de ambaŭ prelegoj la prelegintoj devis respondi plurajn demandojn.

La 15-an, organizita de Liceo Madrileño de Esperanto, okazis komuna vespermanĝo en centra restoracio; la ĉeesto de junaj esperantistoj donis al la etoso specialan karakteron de juneco kaj espero.

*SABADELL*

## FESTO DE ZAMENHOF KAJ TAGO DE LA LIBRO EN ESPERANTO

La esperantistoj pasigis en Sabadell bonegan festotagon dediĉitan al D-ro. Zamenhof kaj al la libro en Esperanto. Dimanĉe la 16-an de decembro, matene, en la Aŭditorio de "Caja de Ahorros de Sabadell" la Infana Ĥoro de "Centro de Esperanto Sabadell" komencis la feston per Esperanta interpretado de kelkaj kanzonoj.

Sekve L. Puig diris festoparoladon rilate la librotagon, kaj komentis: "Ni rememoras tion, kio faras tiom da bono por la homaro: Jen estas la libro. La aktualaj rimedoj de la imago lernigas multe, sed ne lasas pensi. Libron oni legas kaj povas relegi. Ĝi estas la plej bona lernilo.

La libro estas baza por Esperanto. Ni devas legi multon en Esperanto. Eĉ ne ekzistus eldonejoj se ne estus tiuj, kiuj legas. Nia Esperantista Movado estas intelekta. Se neniu legus oni ne povus eldoni nek verki. Legante en Esperanto ni riĉigas nian vortaron. Legante ni havas pli da facileco por la lingvo. Lerni unu aŭ du kursojn ne sufiĉas, kaj oni eraras pensante la kontraŭon.

Esti esperantisto estas tio, kio rilatas al la Interna Ideo; estas senti sin solidara al la spirita movado. Pro tio estas necese demonstri, ke la Esperantistoj scias Esperanton. Mi insistas, ke oni legu por flue ĝin paroli. Ĉeestu ankaŭ renkontiĝojn kaj kongresojn, tiam ni devas paroli Esperante. Inter nia rondo neofte Esperanto estas parolata, ĉar oni trovas pli facile paroli en la propra lingvo.

Ni volas reliefigi tri bazajn faktojn:

Unue: Esperanto estas relative facila, sed oni devas ĝin lerni, legi kaj praktiki.

Due: Oni ordinare kredas, ke Esperanto celas anstataŭi la aliajn lingvojn. Tio estas erara; kontraŭe, ĝi kunlaboras kun ili kiel dua lingvo, krom la propra.

Trie: Esperanto ne estas artefarita lingvo. Ĝi estas kompilita de granda lingvisto. Esperanto estas natura en siaj radikoj, kiuj estas internaciaj.

Ni devas insisti ĉe la novaj esperantistoj, ke ili legu multe. Nur per praktikado oni povas flue paroli. Parolu, lernantoj, malrapide. Ni katalunoj parolas rapide, tial ni malsukcesas eksterlande. Parolante sufiĉe malrapide kaj klare ni jam atingas pli fluan parolon.

Dankon pro via ĉeesto."

Sub la aŭspicio de RELA (Rondo de Esperantistaj Libro-Amikoj) S-ro. Juan Sala disdonis al la kunlaborantoj la librojn aĉetitajn en tiu ĉi jaro. RELA, kiel cirkulanta biblioteko, permesas al ĉiu kunlaboranto aĉetanta almenaŭ du librojn po jaro posedi propran bibliotekon kaj legi ĉiujn aĉetitajn librojn. Por la junuloj, kiuj ĝenerale ne povas elspezi multe da mono, RELA ebligas la provizon de la plej vasta legindaĵo.

Post la librodisdonado, S-ro. Puig rakontis siajn travivaĵojn dum sia



vojaĝo al Beogrado por ĉeesti al la 59a Universala Esperanto-Kongreso. Ankaŭ Joan Ramoneda priskribis sian ĉeeston al la junulara kongreso de TEJO en Sarajevo per projekcio de diapozitivoj.

Surprize distris nin la mimikaĵoj: La Vundito, La Gapantoj kaj La Margaredo kaj nin ĝojigis deklamado de poeziaĵoj en Esperanto kaj la dekunujara knabo Joan Manau Valor ludante per piano la 15-an. Sonaton de Mozart.

Infana parado el dek ok gepartoprenantoj portante sloganojn pri Esperanto rondiris la scenejon kaj fine L. Puig fermis la feston per la legado sur la paĝoj de Boletín pri la evento de la 25a datreveno de la Universala Deklaracio de la Homaj Rajtoj.

Frateca kunmanĝado en restoracio sukcese finis la nunjaran Zamenhoftagon. Daŭrigu Sabadellanoj ĉiujare tiun feston kaj ni ĉiuj, en niaj propraj urboj, klopodu ilin imiti kaj Esperanto baldaŭ kun vigleco plene realiĝos.

G. M.

*VALLADOLID*

## LA ZAMENHOFA FESTO EN VALLADOLID

Dum tri tagoj, la 14-an, 15-an kaj 16-an de Decembro, la esperantistaro de Valladolid festis kun granda estuziasmo kaj en amikeca etoso, la 114-an datrevenon de la naskiĝo de Dro. Zamenhof, kreinto de Esperanto.

La 14-an, je la 8,30 vespere, en la salono de nia sidejo, S-ro Cantalapiedra, Prezidanto de L.K.K. por la XXXIVa H.E.K., prelegis en Esperanto pri la temo: "ESPERANTO, plej taŭga internacia lingvo".

Prezentis la prelegonton S-ro Castañón, Prezidanto de la Grupo, kiu memorigis la komencon de la Esperanto-movado en nia urbo dank' al la klopodoj de S-ro Cantalapiedra okaze de Internacia Kongreso de Pax Christi okazinta en Valladolid antaŭ kelkaj jaroj.

S-ro Cantalapiedra komencis sian disertacion klarigante al la ĉeestantaro la motivojn pro kiuj ni celebris ĉi tiun kunvenon kaj plu diris: Tial, por festi la Zamenhofan Tagon, hodiaŭ, mi deziras alparoli vin pri tiel eksterordinara kaj mirinda kreitaĵo, la nura idiomo, kiu enhavas ĉiujn elementojn kaj kvalitojn necesajn por ke ĝi estu vere internacia.

Li plu parolis pri la diversaj lingvoj, kiuj en la pasinto rolis kiel internaciaj kaj eksplikis kiamaniere, kiam en la mondo akcentiĝis la lingva naciismo, oni intencis krei artefaritan lingvon kun la celo ke ĝi estu agnoskita internacie. Menciante la internacian lingvon "Volapük" li diris ke ĝi estis bone akceptita en kelkaj medioj de Eŭropo, ĉar ĝi estis, ĝis tiam, la plej kontentiga provo por krei internacian lingvon, sed baldaŭ, pro diversaj cirkonstancoj, inter ili la apero de Esperanto, ĝi malaperis. Esperanto surprizis pro sia simpleco kaj facileco kaj baldaŭ oni organizis grupojn, kiuj propagandis ĉi tiun lingvon. Post la sukceso de Esperanto, kelkaj aŭtoroj kreis aliajn internaciajn lingvojn kiel Ido, Esperantido, Latino sine flexione, ktp. Ĉiuj sen escepte baziĝas ĉu en Esperanto, ĉu en la angla lingvo. Tuj sekve, li klarigis kiel Esperanto post 86 jaroj de ekzisto, vivas en senĉesa perfektiĝo, same kiel vivadas ĝiaj Asocioj kaj kreskas ĝia literaturo kaj ĝia vortaro. Poste, li prezentis kelkajn praktikajn pruvojn pri la utileco de Esperanto kiel nura solvo por la reganta lingva ĥaoso.

Varma aplaŭdado premiis S-ron Cantalapiedra pro lia bonega disertacio.

Tuj sekve, la Prezidanto de la Grupo legis la verdikton de la Literatura Konkurso organizita de "Fundación ESPERANTO". Post la lotumado de libroj en Esperanto, la aranĝo finiĝis per kantado de "La Espero".

La 15-an, je la 8-a vespere, en nia salono, plenplena da gesamideanoj kaj geamikoj, S-ro Jacinto Urueña prelegis hispane pri la temo, "Zamenhof kaj lia mirinda kreaĵo". S-ro Urueña komencis sian paroladon kun prezento de la studentaj jaroj de Dro. Zamenhof kaj de la bezono ekzistanta en lia lando de neŭtrala komuna lingvo, bezono, kiu fariĝas ĉiam pli kaj pli granda pro la konstanta progreso kaj evoluo de la vivo, kiuj plimultiĝas la internaciaj rilatoj. La preleganto parolis pri la nuntempa utileco de Esperanto, kaj pri la libroj originale kaj traduke verkitaj en la internacia lingvo, kaj kuraĝigis ĉiujn por ke ili estu senlacaj propagandistoj de tiu ĉi mirinda lingvo. Same kiel la Latina Lingvo servis en la pasinto kiel ilo de universala kulturo en Okcidento, —li diris—, tiel Esperanto povas plenumi tiun rolon estonte.

Sekvis paroladeto de S-ro Gamboa, kiu tre bone dokumentita rakontis en la hispana lingvo, plej gravajn eventojn de la vivo de Dro. Zamenhof. Je la fino de ambaŭ paroladoj la ĉeestantoj longe aplaŭdis.

La ĉeestantoj translokiĝis en alian ĉambron kie jam estis pretaj tabloj bone garnitaj da manĝaĵoj kaj trinkaĵoj, per kiuj la Grupo regalis al siaj membroj kaj geamikoj.

La 16-an, dimanĉon, ĉiuj kolektiĝis en la Kapelo de Altlernejo LA SALLE, por partopreni la Meson en Esperanto; celebris kaj predikis en la internacia lingvo, Pastro Jonás Castro.

Je la 1,30 posttagmeze, ĉiuj kunvenis en la sidejo de la Grupo, kie —en amikeca etoso— oni gustumis aperitivon, kaj je la fino, pli ol 40 gesamideanoj partoprenis fratan bankedon en centra restoracio.

*L. Hernández*

## *ZARAGOZA*

Kiel estas jam tradicie, la esperantistoj de Zaragoza festis la datrevenon de la naskiĝo de Dro. Zamenhof, per kunveno en la sidejo de "Frateco" kaj frata vespermanĝo.

La 14-an de decembro, je la 8-a vespere okazis la kunveno en "Frateco", multnombraj esperantistoj ĉeestis. F-ino M.ª Pilar Sancho Rebullida prezentis kaj komentariis belegajn diapozitivojn pri la Universala Kongreso okazinta en Beogrado kaj la Oficiala Postkongreso en Ateno. La prezentado estis ja interesa kaj alloga, ĝi multe plaĉis al la ĉeestantoj kiuj varme aplaŭdis je la fino. Poste, oni aŭdigis diversajn diskojn kaj sonbendojn en Esperanto.

La 15-an vespere, ĉiuj kolektiĝis en centra restoracio por partopreni komunan vespermanĝon en tre amikeca etoso.

# DANKESPRIMO

Post aperigo de pasinta numero de BOLETIN, n.º 200, multajn leterojn mi ricevis same de eksterlandaj kiel de enlandaj samideanoj, kun gratuloj pro ĝia duobla jubileo, kaj, en pluraj el ili, ankaŭ kun favoraj komentoj pro ĝia enhavo.

Ĉar nia deziro en tiu okazo estis omaĝi niajn antaŭulojn per tiu numero, al ili ni dediĉas ĉiujn laŭdojn kaj gratulojn ricevitajn.

Nian koran dankon por kiuj antaŭ la aperigo de BOLETIN, memoris la jubileon kaj sendis sian kontribuaĵon; kaj, ankaŭ, por kiuj —kiel mi diras— skribis aŭ telefonis tuj post la ricevo de la revuo.

INÉS GASTÓN

# *VIDA ESPERANTISTA*

Como todos los años son varios los Grupos Esperantistas que nos informan del comienzo de sus actividades en el curso 1973-1974.

CALELLA DE LA COSTA. — Los esperantistas de esta ciudad han organizado cursos de Esperanto en tres Colegios de la localidad, uno femenino y dos masculinos, y otro curso para maestros. Las clases corren a cargo de D. Antonio Criach.

LAS PALMAS DE GRAN CANARIA. Con gran entusiasmo ha empezado el curso de Esperanto en esta ciudad; siendo el profesor del mismo D. Antonio Sarmiento.

SABADELL. — En el Centro de Esperanto Sabadell, ha empezado con gran asistencia de alumnos un curso de Esperanto a cargo de D. Liberto Puig.

UJO. — El día 30 de octubre en el Tele-Club de Ujo ha empezado un curso de Esperanto bajo la dirección de D. Cándido Cienfuegos, con gran afluencia de alumnos. La prensa asturiana ha informado acerca del mismo.

VALENCIA. — Como en años anteriores, organizados por el Grupo Esperantista de Valencia han dado comienzo los cursos de Esperanto a cargo del Dr. Rafael Herrero.

VILLANUEVA Y GELTRU. — Al igual que en años anteriores ha dado comienzo un curso de Esperanto en la sede del Grupo Esperantista Villanueva y Geltrú.

ZARAGOZA. — Después de una adecuada información de prensa y radio y organizado por la Sección Esperantista Española de Turismo, el día 12 de noviembre empezó un curso de Esperanto en el "Círculo Cultural Medina", siendo profesor del mismo don Fernando de Diego.

También en la Sociedad Esperantista "Frateco" ha empezado un curso elemental de Esperanto, corriendo las clases a cargo de D. José Martínez.

## EKSPOZICIO EN BARCELONA

De la 11ª ĝis la 18ª de Novembro funkciis ekspozicio aranĝita de la Esperanto-Fako de la Fomento Martinense (str. Provenza, 595) Barcelona.

Interesa ekspozicio de ricevitaj bildkartoj, poŝtmarkoj, moneroj, esperantaĵoj, k.t.p.

Multaj estis la personoj, kiuj petis informojn kaj ankaŭ sin aligis al la kurso.

Post tiu aranĝo nova elementa kurso komenciĝis.





## INAŬGURO DE ELEMENTA KURSO EN VALLADOLID

Nia honora gasto S-ro Berghänel.

La 15-an de Oktobro, je la **8,30 vespere**, en la sidejo de "Fido kaj Espero" okazis kiel ĉiujare, inaŭguro de Elementa Kurso kun ĉeesto de novaj gelernantoj, ĉefe gejunuloj, kaj granda nombro da gesamideanoj.

Pro neebleco ĉeesti la Prezidanto, prezidis la inaŭguron S-ro Gamboa, Vicprezidanto de la Grupo. Post reliefigi la gravecon bone paroli Esperanton, S-ro Gamboa prezentis al la gelernantoj, ilian instruanton, S-ro López Nalda, kiu per kleraj vortoj, klarigis sian sistemon gvidi la kurson, kiu okazos lunde, merkrede kaj vendrede.

Sekve, S-ro Gil Contreras parolis pri siaj personaj impresoj dum siaj vojaĝoj eksterlanden, la nombraj vizitoj, kiujn li ricevis de eksterlandanoj kun kiuj li ne povus interparoli sen Esperanto, malgraŭ sia kono de diversaj lingvoj. Fine li rakontis kelkajn travivaĵojn okazintajn dum sia lasta vojaĵo al Japanujo, kie li trovis ĝentilecon kaj gastamecon en ĉiuj japanaj esperantistoj.

Fine, kaj okaze de vizito al nia urbo invitita ĉe Ges-roj Hernández-Urueña, S-ro Conrado Berghänel kuraĝigis la novajn gelernantojn, por ke ili bone lernu la lingvon, kies utilecon, ili povos konstati dum iliaj vojaĝoj eksterlanden, same kiel en diversaj aspektoj de la vivo.

Je la fino de lia parolado, la ĉeestantoj varme aplaŭdis.

Fine la Vicprezidanto deklaris inaŭgurita la kurson 1973-1974, kaj starante, ĉiuj fervore aŭskultis La Espero-n.

M. R. Urueña

# RESPONDO EL SOVET-UNIO

Ĉiu esperantisto volus esti poeto.
OL AVIDE (Boletín n.º 199, pĝ. 20)

Kara samideanin'!
Mi salutas kore vin
kaj sciigas pri ricevo
de l'bulteno (tia-devo!).
Ĝin vi sendas malavide,
do mi agos laŭ Avide.

"Mi nur volas montri, ke verki esperantajn versaĵojn (aŭ pli bone, versaĉojn... aŭ pli bone ankoraŭ, versaĵaĉojn) estas... "ankaŭ por sovetaj esperantistoj..." tre facila afero."

Jen ĉe tablo en nokta silento
Mi nun skribas al vi, amikin',
sciigante ke bone mi fartas
kaj la samon deziras por vi.
Estas mi iomete ja kulpa,
ke pli frue ne skribis al vi;
do pardonu bonkore, karega:
mankis tempo sufiĉa ĉe mi.
Se okazos ke vi kontraŭdiros
(ĉar malmultas la temp' por leter'),
mi konfesos: humoro forestis
—aĵ' necesa por tiu afer'.
Nun mi estas iome pli ema
skribi, verki en nokta silent'
dume regas malbruo ĉirkaŭe
kaj vizitis min rima la sent'.
Mi di-ĵuras al vi, amikino,
ke neniam forgesas mi vin;
malgraŭ oftaj prokrastoj leteraj
mi eterne memoras pri vi.
Mi kutime babili ne ŝatas,
ankaŭ plendi je mia vivsort';
poezia inspiro min kaptis
kaj jen fluas la vorto post vort'.
Tamen estas malfrŭa jam horo
kaj riproĉas min saĝa supozo,
ke sufiĉas ame versaĉi
kaj necesas transiri al prozo.

Anatolo KOBA

## NI GRATULAS

Nia samideanino, Mag. Sara Maynar Escanilla ricevis meritan omaĝon pro sia laboro kiel Direktorino de la Liceo "Cardenal Ram", de Alcañiz (Teruel), dum pli ol dudek jaroj.

Organizis la solenaĵon la "Asociación de Padres de Alumnos" (Asocio de Gepatroj de la lernantoj); ĝi okazis en la Granda Salono de la Liceo, kun ĉeesto de la lokaj kaj provincaj Aŭtoritatoj. La Delegito de la Ministerio pri Edukado kaj Scienco prononcis paroladon per kiu li reliefigis la personecon de nia elstara samideanino, kiu per emociaj vortoj dankis la omaĝon kaj promesis daŭrigi en sia laborado. Mag. Sara Maynar lernis Esperanton en sia infanaĝo kaj de tiam daŭre aktivis en la vicoj de "Frateco" kaj de la Landa Asocio, nuntempe Federacio. De antaŭ kelkaj jaroj ŝi organizas kurson de Esperanto, kiun ŝi mem gvidas en la Liceo "Cardenal Ram" de Alcañiz.

Koran gratulon al nia kara samideanino kaj amikino.

## Fervojista Sekcio de H. E. F.

## H. E. F. A.

### 26ª INTERNACIA FERVOJISTA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Tarragona (Hispanujo) de la 11-a ĝis la 17-a de Majo 1974
Sub la Protektado de F. I. S. A. I. C.

### PLEJ FREŜAJ INFORMOJ

*EKSKURSOJ.* La Ekskurso "A" okazos la dimanĉon, posttagmeze, kune kun la Urba rondveturado. Do, ĝi konsistos el urba rondveturado kaj ekskurso al San Pablo de Ordal.

La ekskurson "C" al Tortosa, ni ne povos efektivigi ĉar nuntempe, la Kastelo estas fermita pro transformiĝaj laboroj; sekve, la interna vizito estas malpermesata. Do ni anstataŭos tiun ekskurson per la ne malpli interesa vizito al la fortikaĵo de Peñíscola kaj ĝia ĉirkaŭanta vilaĝeto, situantaj interne sur la maro iom pli sude de la urbo Tortosa, en provinco Castellón.

*"ESPERANTO EXPRESO".* Laŭ la ĝis nun ricevitaj aliĝiloj ni konstatas ke la plimulto de la partoprenontoj en la 26-a IFEF-kongreso, intencas alveni al Tarragona, la 11-an de Majo ĉirkaŭ tagmeze. LKK-anoj pritraktis tiun aferon kaj decidis aranĝi por la kongresanoj rektan vagonaron de Port-Bou ĝis Tarragona. Tiu ĉi "ESPERANTO EXPRESO" atendos en Port-Bou la alvenon de la francaj trajnoj 345 kaj 377, kies horoj de alveno al Port-Bou estas la 5,45 kaj la 6,24. Tiuj trajnoj venas de Italujo la unua kaj de Skandinavio, la dua. Do, nia "Esperanto Expreso" forveturos de Port-Bou je la 7-a horo proksimume, kaj alvenos al Tarragona ĉirkaŭ tagmeze.

Sendube, "Esperanto Expreso" estos kondukata kaj kontrolata de esperantistas fervojistoj.

Por la partoprenontoj devenantaj el Parizo, per trajno n.º 473, kiu alvenas al Port-Bou je la 8,51, ili povos uzi la vagonaron 102 "Barcelona Expreso". kiu forveturas je la 10-a horo kaj alvenas al Barcelono je la 13,20; ĉi tie, oni devos ŝanĝi al ekspresa vagonaro kiu forveturas je la 13,52 kaj alvenas al Tarragona je la 15,25. Alia ebleco estas uzi luksan dizel-motorvagonaron, kiu postulas krompagon, kiel rapida trajno; ĝi forveturas el Port-Bou je la 9,50 kaj alvenas al Tarragona je la 13,23, horo, tiu ĉi motorvagonaro (T. E. R.) havas tre limigitajn sidlokojn.

Ni petas al tiuj, kiuj intencas uzi la "Barcelona Expreso"-n, bonvolu sciigi tion al LKK, por ke ni rezervigu kompletan vagonon por la kongresanoj.

Ni petas al tiuj, kiuj intencas uzi la "Barcelona Expreso"-n, bonvolu sciigi tion al LKK, por ke ni rezervigu kompletan vagonon por la kongresanoj.

Kiuj alvenos per aliaj vagonaroj bonvolu turni sin al la "Kongresa Informejoj" starigitaj ĉe la perono de la stacioj de Barcelona kaj Tarragona.

Deĵorhoraro en la "Kongresaj Informejoj" estos:

BARCELONA. la 11-an de Majo de la 9-a horo ĝis la 24-a horo
TARRAGONA. la 10-an de Majo de la 9-a horo ĝis la 24-a horo
TARRAGONA. la 11-an de Majo de la 5-a horo ĝis la 24-a horo
TARRAGONA. la 12-an de Majo de la 5-a horo ĝis la 8-a horo

Kiuj alvenos per aŭtomobiloj, aŭtoĉaroj aŭje ne konvenaj horoj, bonvolu iri rekte al la Kongresejo "CIUDAD RESIDENCIAL DE EDUCACION Y DESCANSO" situanta kvar km-n survoje al Barcelono.

*ALIĜILOJ.* Aliĝiloj estis senditaj rekte al la landaj komitatanoj, la 25-an de Oktobro. Bonvolu peti la aliĝilojn al viaj komitatanoj; tamen, se ili jam ne plu havas aliĝilojn, fotokopiu tiun de via amiko aŭ uzu samformatan paperon.

En la tria paĝo de la aliĝilo ni skribis ke 6ª kategorio de loĝejoj, *postulas* kompletan pensionon dum la kongres-semajno. Ĉar estis samideano, kiu petis klarigon, volonte, ni klarigas ke tiu kategorio, postulas pagon por kompleta

pensiono dum la kongres-semajno; do, ĉiuj kongresanoj, kiuj elektis tiun kategorion rajtas ricevi, krom la loĝadon, tri manĝojn, nome: matenmanĝon, tagmanĝon kaj vespermanĝon. Tamen, ili estas liberaj tie manĝi aŭ ne manĝi, dormi aŭ ne dormi.

*GLUMARKOJ.* Glumarkoj pri la 26-a IFEF-kongreso estas haveblaj ĉe la konstanta adreso. Ekzistas glumarkoj en tri diversaj koloroj. Prezo: Folieto kun 9 glumarkoj, 3 pesetoj.

*FILATELIO.* Bedaŭrinde ni ne atingis la eldonadon de memoriga poŝtmarko okaze de la 26ª IFEF-kongreso. Nun ni petis de la Poŝta Direktoro la funkciadon de speciala stampilo dum la kongresa semajno. Espereble ni sukcesos en tiu peto.

STATISTIKO. Aliĝintoj ĝis la 31-a, 12, 1973. — El Aŭstrujo, 8; Bulgarujo, 4; Ĉeĥoslovakujo, 4; Danlando, 7; Francujo, 1; Germanujo, 29; Hispanujo, 36; Hungarujo, 14; Italujo, 13; Jugoslavio, 3; Nederlando, 4; Norvegujo, 1; Po°ando, 5; Svedujo, 6; Svisujo, 7. Entute: 142 aliĝintoj el 15 landoj.

Aliĝis simbole: El Aŭstrujo, 1; Hispanujo, 9. Entute, 10 el 2 landoj.

---

# IFEF-POSTKONGRESO EN CALELLA DE LA COSTA (Barcelono) HISPANUJO

(Barcelona) HISPANUJO
18-21 de majo de 1974

POSTKONGRESA ADRESO: S-ro Félix de Valois
Hotel Mediterráneo
C A L E L L A (Barcelono)

BANKO: Caja de Ahorros Provincial de la Diputtación de Barcelona, sucursal de CALELLA, konto n-ro 390.

PROGRAMO:

*Sabaton la 180-an de majo:* Post la IFEF-Kongreso, okazonta en Tarragono, speciala kongresa vagonaro startos el la Tarragona stacidomo je la 8-a horo matene. Ĉe la alveno en Barcelono, esperantistoj bonvenigos vin, kaj dum la tuttaga vizito tra la urbo, ili akompanos vin kaj montros al vi la plej pitoreskajn vidindaĵojn, tio estas, la Fervoja Muzeo, la Gotika Kvartalo, la mondfama monto Tibidabo, la Parko Güell, La Templo Sankta Familio, la monto Montjuic kaj la Hispana Vilaĝo.

Vespere, okazos frata vespermanĝo en la restoracio "La Pérgola".

Je la 22-a horo, ekvojaĝo al la postkongresa urbo CALELLA DE LA COSTA (elparolu: Kalelja de la Kosta), kiu situas 50 km de Barcelono. La lokaj samideanoj helpos kaj distros vin.

*Dimanĉon la 19-an de majo:* LIBERA TAGO. Tagmeze, okazos la inaŭguro de Strato Esperanto. Vespere kaj nokte, oni laŭvole eblos viziti diversajn kabaredojn kaj festejojn.

*Lundon la 20-an de majo:* Je la 9-a horo matene, perŝipa ekskurso tuttaga, amuziga kaj instrua laŭlonge de la Mediteranea "Costa Brava" (klifa marbordo), elŝipiĝante ĉe kelkaj ĉarmaj apudmaraj vilaĝoj. Vespere, reveno en Calella'n.

*Mardo la 21-an de majo:* LIBERA MATENO. Posttagmeze, ekskurso al la vilaĝo BLANES, kie oni vizitos la "Botanikan Ĝardenon", kaj ĉeestos la fiŝaŭkcian maristan halon. Nokte, ni ĝuos elstaran Andaluzan dancfestivalon.

*Merkredon la 22-an de majo:* ADIAŬA TAGO.

*PREZO:* 2.950,— pesetoj. La prezo inkludas kompletan pensionon en la hotelo, ekskursojn kaj viziton tra Barcelono kun vespermanĝo.

## CALELLA, POSTKONGRESA URBO

Calella, la bela urbo kie okazos nia Postkongreso, eble estas la plej taŭga por gastigi la postkongresanojn; de post dudek jaroj ĝi fariĝis vere kosmopolita urbo. Ekde 1952, ĉiun someron, la nombro da loĝantoj pligrandiĝas per pli ol 50.000 turistoj; unue, ili estis nur germanoj, sed poste, angloj, francoj, nederlandanoj, ktp. formis veran mozaikon da naciecoj. Bela etoso por internacia postkongreso de esperantistoj. Pri la turisma kapableco de tiu ĉi urbeto, ni nur devas diri, ke la normalaj 10.000 loĝantoj, preskaŭ senescepte, vivas por zorgi la restadon de la 50.000 gastoj, dum la somero, kaj estas 250 la gastodomoj kaj miloj la apartamentoj.

La vilaĝo estis fondita en 1338, de Bernat la IIa de Cabrera, kaj dum la XVa jarcento la vilaĝeto akiris kategorion de urbeto, kaj ĝi sendependiĝis de la najbara urbo Pineda.

Kaŭze de la eltrovo de Ameriko, la haveno fariĝis grava, en la XVIa jarcento komenciĝis aktiva teksaĵa industrio, kun konstrukapablo por konstrui ankaŭ teksilajn maŝinojn. En 1925, Calella atingis la kategorion de urbo. La industria krizo atingis la urbon en 1950 pro la invado de la sintezaj fibroj, kaj la industria urbo fariĝis turisma urbo. La haveno, nuntempe, estas ankoraŭ sekura rifuĝejo por malgrandaj ŝipoj.

En la urbo ekzistas interesaj monumentoj. La monaĥejo nomata "De la du urboj" ĉar ĝi situas en la limo mem inter Calella kaj Pineda; unue okupis ĝin kapucenoj kaj poste aŭgustenoj. Ĝi estis konstruita en 1699. La ĉefa preĝejo honore al Sankta Maria, datas de la XVIIIa jarcento; ĝi estis konstruita laŭ neoklasika stilo kun barokaj elementoj apartenantaj al la unua preĝejo konstruita en la jaroj 1543-64. Aliaj meritoplenaj konstruaĵoj estas la domoj Galcerán kaj Sevilla, ambaŭ de la XVa jarcento, same kiel la turo de la kapeleto de "Sant Elm".

En la proksimeco ekzistas lumturo en pitoreska situo, de kie oni povas admiri grandan parton de la marbordo.

Resumen: Bela urbo, kie ni povos ripozi post la ŝarĝita programo de la Kongreso.

LKK.

---

## NOVA LERNOLIBRO DE ESPERANTO

Nia samideano, S-ro L. Mimó sendis al mi jenan informon por publikigo en BOLETIN:

Ĝuste en la sama tago kiam vendiĝis la lastaj ekzempleroj de "LERNOLIBRO DE ESPERANTO", de L. Mimó, eldonita antaŭ 17 jaroj, la presisto liveris la ekzemplerojn de la nova, multe pli matura verko de la sama aŭtoro, "KOMPLETA LERNOLIBRO DE REGULA ESPERANTO". Analiza skolo. Prezo, 350,— ptoj. Eldonis la aŭtoro.

Du komentarioj:

"De multaj jaroj mi instruas nian lingvon, sed ne preterpasante la unuan gradon. De nun mi povos fari ĝin sur pli firma bazo, danke al vi, ĉar neniam ĝis nun mi povis lerni tiom da gramatikaĵoj."

DR. RAFAEL HERRERO, Prezidinto de H. E. F.

"KOMPLETA LERNOLIBRO DE REGULA ESPERANTO estas detala, tre serioza studo de la tuta lingvo, komparebla al la Plena Gramatiko, sed vi ja rigardas la tuton el tute alia flanko, kio faras vian verkon aparte grava."

DRO. C. STOP-BOWITZ, Akademiano.

## *REVUO DE LA REVUOJ*

KONTAKTO, n.° 3, novembro 1973, enhavas harstarigan resumon de la diversaj plagoj, kiuj infektas la nunan vivon, kaj kies konstanta disvastiĝo puŝos la mondon al apokalipsa pereo, se la homo ne intervenos iamaniere, baldaŭ kaj draste, por sin eltiri el la kaĉo, kiun mem kuiris al si. Jen la elokventaj titoloj de la ĉefaj artikoloj de la revuo: *Teknologia bumerango, Kvarcent manieroj damaĝi la puran aeron, Tempo de bebinflacio, Bremsi la urbiĝon, Panon, ne bombojn, Baldaŭ malplena poto, La analfabeta globo, Fizika detruado de la homa ĉirkaŭaĵo, Pejzaĝo, la nocio kiu malaperas, La urboj timigas.*

La pli granda parto el la artikoloj temas pri la ŝajne seneliraj problemoj kaŭzataj de ĝisfunda ekspluatado kaj konsumado de krudaj materialoj, kio baziĝas sur la filozofio de la kapitalisma profito kaj de la socialisma konstruado, kaj kion ebligas la tekniko kaj la scienco, submetitaj, ne al la servo de la spiritaj bezonoj de la homo, sed al ties blinda egoismo.

Sed nun, kaŭze de la tiel nomata energio-krizo, la mondo permesas al si la lukson ŝanĝi faskon da teruraj problemoj naskitaj de senbrida produktado, por bukedo da nekalkuleblaj mizeroj ekregantaj pro la duonfermo de la petrolkranoj. Feliĉan novan jaron al ĉiuj!

* * *

Ni registras novan viktimon. LA SUDA STELO, 45, 1973 anoncas; "JEL Komitato decidis ĉesigi la eldonadon de LA SUDA STELO dum la jaro 1974 ĝis la reguligo de ĉiuj kondiĉoj laŭ la novaj leĝoj."

Alia lumeto forsvenas el nia ne tre stelriĉa ĉielo...

* * *

En SAT-AMIKARO, n.° 291, novembro 1973, aperas recenzo de la libro de N. Barthelmess *Ne plu ludo*... Nu, post la recenzo elstaras vere miriga komento subskribita de ia mistera Komitato. Ĝi tekstas jene:

"Jen objektiva recenzo de literatura kompetentulo, Henri Vatré, kiu traktas unue la valoron de la verko sendepende de la konvinkoj de la verkinto. Fakte k-do Barthelmess estas laborist-tendenca kaj SAT-aktivulo. Certe pro tio, iu nekonata s-ro Cash, kies kapableco pri literaturo estas pruvota, recenzis tiel malŝate en ESPERANTO (oficiala organo de UEA) la libron *Ne plu ludo*... La Komitato."

Ŝajne La Komitato (kio ajn ĝi estas) akceptas nur laŭdojn por la verko de s-ro Barthelmess kaj eĉ implicite indikas kiel kaj kial oni devas lin flati. La komitato verdiktas senpruve, ke la *nekonata* s-ro Cash estas ia reakcia kapitalisto, ia faŝisma vampiro suĉanta la sangon de sklavoj en mizer' dronantaj, kaj ke, sekve, li nek kapablas, nek rajtas percepti la profundan saĝon de la klaskonscia s-ro Barthelmess, kaj, des malpli, lian altan literaturan valoron.

Mi esperas, ke, pro mia absoluta sensignifeco, tiu impona Komitato majeste ignoros mian recenzon de *Ne plu ludo*... aperintan en BOLETIN de septembro-oktobro 1973, kaj sekve ne dekretos, ke ankaŭ mi estas ia sangavida faŝisto nekapabla kompreni la sopiron de malsatanta proleto al pli justa socio-ordo... kaj al la delicoj de efeba mondo.

* * *

Kaj, ĉar pri recenzoj temas, s-ino Emilija Lapenna diras en THE BRITISH ESPERANTIST, oktobro 1973: "Se ni hodiaŭ ne havas bonajn recenzistojn, kulpas la tuta movado pri tio: redaktoroj, eldonistoj, organizantoj kaj legantoj".

S-ino Lapenna absolute pravas: ni ne havas bonajn recenzistojn. Sed, kion bonan ni havas? Aparte de kelkaj esceptoj, kiuj konfirmas la regulon, Esperanto estas pliparte en la manoj de amatoroj, do ne mirinde se ni sentas la doloran mankon de bonaj recenzistoj, kaj ankaŭ de bonaj eldonistoj, de bonaj gramatikistoj kaj vortaristoj, de bonaj aŭtoroj, de bonaj legantoj... kaj de bona ĉio.

* * *

En sinsekvaj numeroj de LERNEJA ESPERANTO REVUO, Organo de Argentina Esperanto-Lernejo, aperas listoj de argentinaj geesperantistoj, kaj estas kurioze, ke la nombro de esperantistinoj ege superas la nombron de esperantistoj en tiu sud-amerika lando. Kio kaŭzas la fenomenon? Ĉu la instruistoj? Ĉu la metodoj? Ĉu speciala kultur-inklino de la argentinaj virinoj? Kaj kiaj belaj nomoj! Nilda, Estela, Esmeralda, Nidia, Graciela... S-ro Hugo A. Lingua, ĉu vi estus tiel kompleza, riveli al ni vian "sekretan armilon"?

* * *

Estis vera plezuro legi la longan artikolon de fraŭlino T. Kaŭakami, *Japanino en Okcidenta Afriko* (HEROLDO DE ESPERANTO, 16-11-73, 1-12-73) ĉar kun vere ĉarma naivo ŝi raportis pri siaj afrikaj aventuroj. Jen specimene: "Juna afrikano, studento en Munkeno, veturis per germana aŭto kaj proponis al mi veturi kune al San Pedro... Ni revenis al Tabou kaj tranoktis. Ni ricevis nur unu liton kaj mi suferis pro lia amemo. Fine mi kuŝis sur la planko...", "...trafiko inter Ganao kaj Togo estas ankaŭ bona, veturas aŭtobusoj, kaj t. n. taksioj ĉiam. La taksio en Togo estis aĉega: la pordo falis, kiam oni volis malfermi. La gastejo kun kvarlita ĉambro estis ankaŭ malmultekosta. Troviĝis duŝo kaj necesejo kun fluanta akvo, sed ne gaso aŭ elektro: oni kuiras per ligno."

Dio gardu vin kaj vian puran animon, kara fraŭlino Kaŭakami!

* * *

Ree pri neologismoj. J. Korinek skribas interalie en sia artikolo *Neologismofobio kaj neologismomanio* (STARTO, 7, 1973): "...sed kiu serioze okupiĝas pri Esperanto, uzante ĝin sur pretendaj kampoj, baldaŭ ekkonas, ke ne maksimuma simpleco estos en estonto garantio por disvastigo de la lingvo internacia, sed male ĝia ĉiuspeca kaj ĉiusfera esprimokapablo, riĉeco kaj ekipiteco per akireblaj fakaj vortaroj".

Kaj tion ankaŭ mi volonte subskribus.

* * *

Fine ni havis la okazon legi tiun faman kaj iom misteran Trian Bazan Laborplanon de UEA (ESPERANTO, novembro 1973) kaj unuavide ĝi impresas kiel perfekta ekzemplo de *wishful thinking*. Kion pozitivan alportas la preparo de grandiozaj planoj, se oni ne realisme antaŭkalkulas, ĉu ni posedas la entuziasmon, la kompetenton kaj la nombron da aktivuloj sufiĉaj por entrepreni la diversajn optimisme proponitajn taskojn? La plano estas tro ambicia por niaj anemiaj kaj disaj fortoj, kvazaŭ en niaj vicoj troviĝus miloj da sindonaj kaj speciale kleraj fervoruloj. Ĉu la lanĉintoj de ESPERANTO GAZETO ne fiaskis pro tio, ke ili lasis sin trompi de similaj fantazioj? Unue ni devus klopodi determini la precizan nombron, la kvaliton kaj la sindonemon de la aktivuloj pretaj agi, kaj kiam ni ricevus la ĝustan respondon, nur tiam ni devus organizi planon de agado alfaritan al niaj faktaj kapabloj, ne al niaj fantaziaj deziroj.

* * *

Lige kun la ĉi-supra komento mi devas mencii la tre interesan artikolon "Rimarkoj pri la (tria) laborplano de UEA", aperinta en la n.º 1973-6 de LA ESPERO kaj subskribita de Ivo Lapenna. Li diras: "La projekton de la nova laborplano mi trovis neadekvata el enhava, sistema kaj procedura vidpunktoj... Mankas la spaco por pritrakti multnombrajn tre dubindajn erojn aŭ gravajn ellasojn..."

Kaj la prezidanto de UEA finas per la tre saĝaj, tre meditigaj vortoj: "La laboro tamen ne estis tute vana, ĉar tiu dujara atendado de la nova plano (kaj same longa perdo de tre valora tempo) estas tre instrua por ĉiuj, kiuj pretas lerni el la faritaj eraroj kun la celo eviti ilin en la estonteco. Esperable tiel okazos. Se ne, oni povas antaŭvidi kun sufiĉe da certeco danĝeran kaj rapidan retroiron minacantan la detruon de ĉio pene atingita kaj anarkian malintegriĝon en periodo kiam organiza kaj idea unueco en diverseco estas pli ol iam necesaj por plua konstruado, por la plua disvastigo de la lingvo surbaze de la ĝisnunaj atingoj."

Ĉu io pli direblas? Ivo Lapenna meritas la dankemon de ĉiuj konsciaj esperantistoj pro, interalie, sia akravida analizo de la problemoj de nia Movado kaj pro sia konstanta defendo de la principo de neŭtraleco, sen kiu principo Esperanto fariĝus senviva aŭtomato je la servo de la politikaj ambicioj de kelkaj intrigantoj manipulataj de misteraj (nu, ne tiel misteraj) manoj.

Kaj ĝis la proksima revu-rikolto vin salutas plej kore,

F. DE DIEGO

## XXXIVª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Organizita de Hispana Esperanto-Federacio

Okazonta en Valladolid de la 18ª ĝis la 22ª de julio de 1974

Laŭ informoj ricevitaj de la Loka Organiza Komitato de la Kongreso, la esperantistoj de Valladolid preparas tre interesan programon.

Krom la kutimaj aranĝoj de ĉiu kongreso, nome: Solenaj Malfermo kaj Fermo de la Kongreso, prelegoj, ekzamenoj, kaj diversaj laborkunsidoj, kiuj kulminos kun la Generala Kunveno de H.E.F., okazos Meso en Esperanto, Oficiala Akcepto en la Urbodomo, turisma vizito tra la urbo, ekskursoj, unu tuttaga, kaj plej eble alia duontaga, junulara balo, oficiala bankedo...

Kiel vi povas konstati niaj tieaj samideanoj klopodas por ke la turisma parto de la programo estu ja alloga. Ni respondu al liaj klopodoj kaj intereso per nia tuja enskribo al la XXXIVª Hispana Kongreso de Esperanto.

## *Ni legis por vi...*

LA PARTICIPA PROBLEMO EN LA AKADEMIO, de Ebbe Vilborg. Eldono de Lingva Komisiono, Goteborg, Svedujo, 1973; broŝurita, 138 paĝoj, formato 14,5 × 20,3 cm.

"Blanka libro" kun la ĉefaj dokumentoj de la "tempisma" flanko en la polemiko pri la participa demando en la periodo 1963-67.

La argumentoj de s-ro Vilborg kaj liaj kolegoj ne povas kaŝi la faktojn, unue, ke la "atismo" estas ne-Zamenhofa kaj fremda al la strukturo de Esperanto; kaj due, ke la korifeoj de la tempismo eĉ ne sukcesis kunforĝi koheran kaj ĝeneralan doktrinon en sia heterodoksa disinterpreto de la participoj, kio klare montriĝas ankaŭ en ĉi tiu libro.

La fakto, ke la Akademio sia tempe kondamnis oficiale la "atismon", ne detenas s-ron Vilborg kaj liaj amikoj plu pledi por teorio, kiu povus puŝi Esperanton en neripareblan skismon kaj definitive ruinigi la ŝancojn kaj eĉ la ekziston mem de nia lingvo.

Feliĉe, Esperanto ĝuas tre bonan sanon kaj estas jam vakcinita, de la tempo de la Ido-krizo, kontraŭ la malbonaj sekvoj de falsaj teoriumadoj.

F. DE DIEGO

LA FRIPONETO DE TORMES (LAZARILLO DE TORMES), de aŭtoro nekonata. Traduko de Ergoto de Bonaero. Eldono kserografie presita de la Argentina Esperanto-Instituto. 72 paĝoj 12 × 17,5 cm. Prezo: 96 ptoj.

Estas jam multfoje dirite ke laboro pri traduko de klasikaĵo estas, vere, aŭdaca. Tiuj originalaj tekstoj estas legataj, precipe, pro la specialaj lingvaj nuancoj kiuj ne estas troveblaj nun en la sama evoluinta lingvo. Evidentiĝas ke tiuj verkoj siatempe famiĝis ne pro la karaktero de speciala dirmaniero aŭ lingvaĵo (ĉar tiam oni skribis kaj parolis tiel nature), sed pro la anekdota aŭ cela valoro kiuj plej ofte reprezentis, aŭ signifis, pri akra kritiko, satiro, ironio aŭ denunco koncerne faktojn sociajn-precipe.

Kaj estas facile diveni ke la verkoj kiuj transcendis siajn respektivajn epokojn, fariĝante, tiel, klasikaĵoj sen malpliiĝo de la origina famo, estas pro tio ke ili, tiam, jam posedis gravan specifan pezon, aŭ trajton, de riĉa stio, mesaĝo kaj humana riĉeco.

"Lazarillo de Tormes" estas brila, stela modelo de tiu konglomerato: anekdotaro kun severa bildigo de iuj moroj kaj de tre karakteriza epoko, kaj atesto pri la stilo kaj popolaj dirmanieroj de la kastilia lingvo, dum tiu obskurantisma —sed ankaŭ pompa— XIV jarcento.

Do, estas evidente ke, krom la lingvistika valoro de ĉiu el la sep "traktaĵoj" de la verko, la argumentoj, la plej diversaj situacioj, kaj la majstra portretigo, ne nur de la protagonisto —la fripona kaj malfeliĉa Lazaro—, sed ankaŭ de la singardema blindulo, la avara kleriko, la ŝildisto kaj la buleovendisto i. a., vekas nian intereson kaj entuziasmon.

Ŝajnas al mi ke LA FRIPONETO DE TORMES (la traduko kiun entreprenis Ergoto de Bonaero) ludas bonan rolan en tiu aspekto. Estas tuj konstatite, ke la tradukinto plenumis sian laboron, precipe, glosante, aŭ sintezante, —do, ne ĉiam tradukante— multajn el la arkaikaj esprimoj, diraĵoj, idiotismoj, ktp., kiuj tiel spontanee fluas en la originalo kaj spicas la rakontadon.

Laŭ mia opinio, tiu proceduro diversfoje kripligas la absolutan valoron de la verko, laŭ la grado de bone aŭ ne tiel bone trafita subjektiveco kiun la aŭtoro uzis dum la glosado —aŭ sintezado—, sed ĉiam kun la laŭdinda pretendo —kaj ankaŭ tre ofte kun sukceso— kapti la etoson de la originalo, sed ni devas registri, ekzemple, ke la rakonto pri la friponaĵo je la vinkruĉo (paĝ. 16) estas senigita je iuj detaloj. Tial ĝi ne plenefikas konvene.

La tradukinto uzis, sendube, nekompletan originalan eldonon, kaj tial mankas al la verko tradukita iuj epizodoj.

Oni legas LA FRIPONETON DE TORMES kun intereso, sed ŝajnas al mi ke la rezulto estus povinta atingi pli multe da signifa trafo, konsiderante la eksterordinaran valoron de tiu verko grandfama de nekonata aŭtoro.

G. MORA

## 59 CONGRESO UNIVERSAL DE ESPERANTO

Hamburgo 27-7 - 3-8-1974

Viaje organizado por la Sección Esperantista Española de Turismo, en colaboración con la Delegación de Viajes MELIA, en Zaragoza.

Se saldrá de Barcelona el día 27 de julio, por la mañana, regresando a Barcelona el día 3 de agosto por la tarde.

El alojamiento en Hamburgo está previsto a régimen de media pensión, en Hotel de tres estrellas, en habitaciones dobles con baño.

Precio del viaje por persona, 21.390,— pesetas.

En el precio del viaje va incluido: Billete de avión, ida y vuelta en clase "T", traslados del aeropuerto al Hotel y viceversa, y alojamiento a media pensión en el Hotel de Hamburgo.

Informa la Sección Esperantista Española de Turismo, I. Gastón - Paseo Marina Moreno, 35 4.º dcha. ZARAGOZA.

## 59ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Hamburgo (F. R. Germanujo) de la 27-7 ĝis la 3-8-1974.

Sub la Alta Protektado de Dro. Klaus von Dohnanyi, Ministro pri Klerigo kaj Scienco de F. R. G.

Unua bulteno kun aliĝilo estas senpage ricevebla ĉe la konstanta dreso de la Kongreso: Nieuwe Binnenweg 176 Rotterdam - 3002, Nederlando.

## SEMAJNO DE INTERNACIA AMIKECO (S. I. A.)

Ĉijare, Semajno de Internacia Amikeco okazos de la 17-a ĝis la 23-a de februaro.

Espereble, ke kiel kutime la Hispanaj Esperantistaj Grupoj organizos tiaĝajn amikecajn aranĝoj.

## VIª FRANCA-HISPANA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

LASTMOMENTA SCIIGO

La VIª Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo okazos en Biarritz (Francujo), la 4-an kaj 5-an de majo 1974.

Dum ĝi okazos jenaj programeroj: Oficiala Akcepto en la Urbodomo, Simbola sangdonado, folklora spektaklo, Vizito al la Muzeo de la Maro (Esperante gvidata), Ekskurso al urbeto Arcangues kun vizito al Bayonne, Vaska Pilkludo spektaklo, Ĝoja amika bankedo, ktp.

Niaj francaj samideanoj rezervis ĉambrojn en 2-stelaj Hoteloj.

Informas: ESPERANTO PAU-ADOUR, S-ro Jacques DECOBERT, F-64820 ACCOUS (Francujo).

TIP C. BOLOIX - REINA FABIOLA, 7 - ZARAGOZA

D. L. Z. 171 61